# VERDA UTOPIO



Somera Vespero

Ukijoe (*Japana propra pentraĵo*), de Tojohiro Utagaŭa (1773-1828)

**Junio** OSAKA, JAPANUJO **1922**

## ENHAVO:

Virino en moderna japanujo.——Vortoj pri la japano.——Impresoj pri Japanujo.—— La sonĝo de juna japano —— La viro kaj virino —— Koresponda fako.

# VERDA UTOPIO

INTERNACIA REVUO ESPERANTA

REDAKTORO: KUNITARO FUKUTA

ADMINISTRACIO KAJ REDAKCIO:
"VERDA UTOPIO"
5265, UEHOMMACHI 7-CHOME,
MINAMI-KU, OSAKA, JAPANUJO.

JARABONO:
Eksterlando: Yen 1.70, Enlando:
Yen 1.50, Helpabono Yen 5.00.
Konto ĉe Kajima Banko, Osaka
Poŝtĉekkonto: Osaka No. 55629

VOL. III. JUNIO 1922 NO. 6

## VIRINO en MODERNA JAPANUJO.

De S-ino K. Jamakaŭa

II.

(Daŭrigo)

(b) *Ministinoj.*—La tuta nombro de ministoj en japanujo estas 460.000, el kiuj ĉirkaŭ 105.000 estas inoj. Pli ol 60.000 ministinoj sin okupas je subtera laborado; estas kutime por la ministaj familianoj kune laboradi en la mino: viroj en minado, edzinoj kaj geknaboj en elportado de la karboj aŭ metaloj ĝis la enirejo de mino. Ilia meza laborhoro estas 10-12, sed ĉiu kvin aŭ sep tagojn, en ŝanĝo de laborvico, ili devas laboradi 16–24 horojn sinsekve. Peza nokta laboro estas altrudita al virinoj ankaŭ. Kapitalistoj prefere dungas edziĝintajn laboristojn ol needziĝintajn, ĉar la unuaj restadas longe ĉe la okupo por ilia respondeco al la familio. Ĉar minejaj distriktoj prezentas malpli grandan ŝancon por hejmlaboro, edzinoj kaj patrinoj estas devigitaj partpreni en minado por perlabori la familiajn enspezojn. Jen ciferoj elĉerpitaj el la statistiko publikigita de la registaro en junio 1918.

**(1) Dispartigo de ministinoj.**

| | Malpli ol 14 jara | Malpli ol 15 jara | Malpli ol 20 jara | Pli ol 20 jara | Sumo |
|---|---|---|---|---|---|
| Metalminejoj | 102 | 473 | 5.340 | 17.236 | 23.151 |
| Karbminejoj | 202 | 1.542 | 20.997 | 57.524 | 80.265 |
| Oleminejoj | — | 6 | 129 | 559 | 694 |
| Aliaj minejoj | — | 1 | 50 | 522 | 573 |
| Sume | 304 | 2.022 | 26.516 | 75.841 | 104.683 |

**(2) Nombro de virinoj sin okupantaj je subtera laboro.**

| Metalminejoj | Karbminejoj | Nemetalaj minejoj | Sumo |
|---|---|---|---|
| 4.022 | 58.185 | 96 | 62.304 |

76.700 virinoj estas sin okupantaj je nokta laboro. La rezultoj de tiaj cirkonstancoj estas timiga. Statistikoj montras, ke la procentoj de malsaniĝo kaj morto de la ministinoj estas pli grandaj ol tiuj de la ministoj, kaj samtempe ĝi montras, ke la procentoj de malsaniĝo kaj morto de la ministoj estas pli grandaj ol tiuj de la tuta loĝantaro. La sekvantaj tabeloj ankaŭ montras, ke la vivkondiĉoj de patrinoj influas sur la estonta generacio en la ruiniĝantaj distriktoj.

**(3) Naska procento ĉe ministo-familioj en 8 minejoj.**

| | Nasko | Aborto |
|---|---|---|
| Ĉe ministo-familioj ... ... ... ... ... ... ... | 8.88% | 1.15% |
| Nacia meznombro ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 9.92 | 0.78 |

**(4) Morta procento de infanoj dum unu jaro en kelkaj minejoj (1917).**

| | |
|---|---|
| Infanoj de ministoj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 30.34% |
| Nacia meznombro ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 26.02 |

(c) *Hejmindustrio.*—Ĉar japanujo nur nove akceptis la kapitalisman metodon de produktado, tie ankoraŭ nun restas multaj branĉoj de industrioj, kiuj estas enkondukitaj en hejmoj aŭ en malnovmetodaj laborejoj en malgranda skalo. La Fabrikejo-Leĝaro respondas nur al la

laborejoj ĉe kiu laboras pli ol 15 laboristoj aŭ okaze de danĝeraj industrioj. Tiel la cirkonstancoj de tiuj dungitoj ĉe malgrandaj laborejoj estas ruinigaj. Plejmultaj el tiuj estas sin okupantaj je la teksindustrio. La unua oficiala raporto de fabrikejaj inspektoroj, publikigita en 1918 de la Departemento de Agrikulturo kaj Komerco rakontas: "kiuj ne estas metitaj sub protektado de la Fabrikejo-Leĝaro, estas, ĝenerale, laborejoj en malgranda skalo kaj kun malgranda kapitalo. Ili estas malbone aranĝitaj. Malordo, malkompetenteco, longa kaj neregula laborhoro, ĉio tio ĉi karakterizas ilin. La komercaĵoj produktitaj ne estas unuformaj. Ĉar la salajropago estas ne certa, pli bonaj kaj lertaj laboristoj forlasas la laborejojn, kiuj estas metitaj sub protektado de la Fabrikejo-Leĝaro. Aliflanke la laboristoj elĵetitaj el la pli grandaj laborejoj pro maljuneco aŭ malsaneco, alpetas al la malnovmetodaj laborejoj, kie nenia regularo ekzistas." La sama raporto rakontas ankaŭ: "en la provinco Tango mastroj igas dungitojn laboradi 16 aŭ 17 horojn tage. En la provinco To-Tomi preskaŭ ne ekzistas laborejoj, kie geknaboj, malpli ol 12 jaraĝaj, ne estas dungitaj. Eĉ geknaboj, malpli ol 10 jaraĝaj, estas dungitaj, ilia laborhoro daŭras 15–16 horojn tage. En la provinco Ŝiga laborhoro daŭras 16 horojn tage." Tia estas ankoraŭ nun la cirkonstancoj de multaj malgrandaj laborejoj, kiuj estas disapartigitaj en la urboj kaj vilaĝoj tra la lando.

(Daŭrigota)

Trad. Kofo.

**Ne estas eble elpensi la tutan liberiĝon de l'homaro, sen la malapero de la ekonomia servuto. —M. Pierrot—**

# VORTOJ pri LA JAPANO.*

De K. Furue.

II.

Japanaj gimnastikistoj ofte volas mezuri la korpon por taksi la talenton de popoloj. Ili diras, ke la japano, tre malgranda en korpkonstruo kompare al la eŭropano, tute ne kapablos konkurenci kun blankhaŭtuloj, se li ne penos pligrandiĝi sian korpon. Kia groteska opinio, malkomprenanta la principon de l' homa evoluado! En tia klasigo de popoloj laŭ la grandeco de eksterna strukturo, ili kvazaŭ intermiksas homon kun besto.

Prave, en la bestaro postulas la superecon granda kaj forta kreitaĵo. Leono superas katon, kato raton kaj rato pulon. De kio do dependas la fakto, ke iu aŭ alia popolo estas pli supere ol la dua? Certe tio dependas de la spirita kapableco.

La japano havas malpli grandan korpon ol la eŭropano, sed tio estas naturdotita karaktero de la japana gento, alivorte unu el la gentaj propraĵoj. Korpe malsupera li estas, tamen, en kapforto, en maltimeco li staras neniel malalte ol la alia.

Tielnomataj "altkolumuloj" aŭ dandoj, kiuj finis sian transmaran vojaĝon, rimarkas, allandiĝante ĉe japana haveno, ke kvazaŭpigmea korpo, malalta nazo kaj malbona vizaĝkoloro de nia popolo impresas ilin tre malagrable. Ili faras al homo kritikadon de besto.........

□————————□

La japano sidas sur mato, tenante lumbon kaj femuron rektangule, t.e. la genufleksita membro kuŝas senpere

* Vidu Jul.-Aŭgustan numeron 1921.

sur mato aŭ kuseno kaj la supra korpo staras vertikale. Tiu ĉi teniĝo montras harmonion de la natura leĝo, tial estas la plej ĝusta. Kaj ĝi estas propra al la japano.

Provu inviti eŭropanon al japana gastĉambro kaj doni sidmatracon! Kiel komike li sidos kun kurbigita dorso, streĉante longan, pene fleksitan genuon!

Estas rimarkinde, ke nur la japano en la mondo havas tiun sidmanieron kiel la ordinaran teniĝon. La eŭropano, embarasita de longa kruro, devis elpensi seĝon. Kial ni bezonus sidi kun krucigitaj kruroj aŭ sur eŭropa seĝo, kiam ni havas la naskitan, plej naturan kaj home originalan tenadon?..............

□——————□

Al japanaj gepatroj infano estas la plej granda trezoro. Eksterlandanoj apenaŭ povos al si imagi, kiel fidele kaj karese ili servadas al sia infanaro. En eŭropo kaj ameriko geviroj vivas individuan, geedzan vivon kaj rigardas infanon eĉ baraĵo al sia ĝuinda vivo. Ili naskas malmulte da infanoj.

Al japanaj edzinoj naskiĝas tre multaj. Ses, sep, ok estas ne malofte. Eĉ dekdu infanojn havas multaj geedzoj.

Kiomgrade la gepatroj turmentas korpon kaj animon por la bono de la infanoj? Pro tro granda familio kaj ekonomia malfacileco la vivo fariĝas maldolĉa. Gepatroj eĉ ŝparas al sia buŝo, nutras infanojn, por tiel diri, per sia sango kaj ŝvito. Tiel farante, multaj ankoraŭ ploretas en la koro, ke ili ne sufiĉe povas prizorgi la infanojn. Tia bela sindonemo de gepatroj estas vere granda virto de la japano.

Tradukis el la japana lingvo

H. Jagi.

# SOCIA VIVO

## IMPRESOJ PRI JAPANUJO.

(El notlibro de verema japanamanto)

### V.

### Ŝovinismo, Patriotismo, Homaranismo.

La trivorta titolo montras evoluan ŝtuparon de interpopola rilatiĝo. Ŝovinismo estas egoisma patrujamo, kiam popolo opinias tute serioze, ke ĝi estas la plej saĝa, plej kapabla, plej inda popolo, ke ĝi devenas de ia alta raso aŭ eĉ de dioj mem kaj kiam popolo deziras la feliĉon nur al sia regno, ne pensante pri tiu de la aliaj kaj eĉ je kanto de tiuj aliaj regnoj. Nature kaj sendispute estas, ke nur nekulturaj popoloj povas nutri sin per ŝovinismaj ideoj kaj ĉerpi la fonton en egoisma memamo. La dua paŝo de interpopolaj rilatoj estas pura patriotismo, t.e. amo al patrolando kun bona konscio de ĉiuj naciaj difektoj kaj malvirtoj, kun dezirado kaj penado de plibonigo kaj perfektigo de nacio kaj estimo al aliaj nacioj. Vera deziro pace kunvivi kaj majesto de celado de perforta kapto ĉe aliaj popoloj. La tria, la plej alta paŝo, estas homaranismo kaj sennacieco, kiam homoj kaj popoloj finfine klare komprenis ke ĉiuj popoloj estas egalaj, ĉie la civilizacio egaligis rajtojn de homoj, en ĉiuj landoj vivas multegaj alinacianoj, ĝuante pacon same kvazaŭ en patrolando, kiam geedziĝo inter diversgentanoj, ĉiama aeroplana vojaĝado, rego de unu internacia help-

lingvo Esperanto, unueco de monsistemo kaj mezuriloj kaj forfrotos specialaĵojn de nacia kaj regna vivo. Kiam efektiviĝos la tutmonda alvoko: for doganojn, for pasportojn, for diverslingvecon, for surlimajn formalaĵojn, for batalilojn, vivu universala demokratia Ligo aŭ federacio de Nacioj kaj Gentoj, tiam finfine falos "la obstinaj muroj inter la popoloj dividitaj". La ideo de Ligo de Nacioj rapide kreskas kaj ĉu iu volas aŭ malvolas, la homaro sin direktas, kvankam ŝanceliĝante kaj flankeniĝante, al tiu celo. Komence, certe, ni vidas kaj jam vidas la diferenciĝon de popoloj en eŭropo kaj sur teritorio de eksrusujo, sed, same kiel la nebulo densiĝas antaŭ krepusko, la proceso de diferenciiĝo intensiviĝas nur por ke ĝi, atinginte apogeon, sin direktu rapidege kaj libere, tute nature laŭ vojo de integraliĝo. Sed ne estas eble al lando rapide transpaŝi el la unua ŝtupo sur la trian, de ŝovinismo al homaranismo, la historio de homaro, kiel la naturo ankaŭ, ne amas saltadon, kaj preferas la vojon, eĉ rapidigitan, de evoluado; sed revoluciojn ĉiam sekvas reakcio laŭ fizika leĝo de pendola balanciĝo.

▫ ▫ ▫ ▫ ▫

En kia stato estas nune potencaj popoloj? Sur kia ŝtupo? Sur la dua, sur la unua ankoraŭ? Kelkaj popoloj staras jam sur la dua, kelkaj ne ankoraŭ surpaŝis ĝin. Mi komencu de mia lando. Parolante pri malklera rusa popolo, mi ĉiam devas kontraŭstarigi al ĝi la regantan partion; se cara aŭ postcara registaro sonigis la armilaron, ni ne povas el tio konkludi, ke ĝi esprimas senton kaj volon de popolo, kiu tute ne estas edukata en patriotisma sentado kaj tute ne emas defendi sian tro grandan kaj diversgentan patrujon. Do, mi povas kuraĝe diri, ke

rusa popolo, kies spiriton bone komprenis kaj eldiris Leo Tolstoj, jam staras forte sur la dua paŝo kaj tre proksime estas al la tria. Multaj tion konfesas kaj opinias, ke rusa popolo estas eĉ anarkiista; tio nur parte estas vere, sed mi devas konfesi, ke se oni proponus forigi la regnojn nur ke ĉiuj popoloj frate apudvivu federacie aŭ iel ajn alie, la rusa volonte tion farus; nemultaj inteligentuloj nur protestas. Al mi ŝajnas, ke pacema laborema ĥina popolo ankaŭ aliĝus votonte al tia propono. Usono—kvankam demokratia lando, sed laŭ ĝia rilato al negra kaj japana rasoj kaj enmigroj, laŭ rego de malsaĝa principo de Monroe "Ameriko por amerikanoj" ni povas konkludi, ke ĝi staras sur la unua ŝtupo de kapitalist-demokratia ŝovinismo. Germanujo ĝis militego staris kaj, certe, nun staras sur la sama unua ŝtupo. "Drang nach osten" kaj "Deutschland uber alles" ("Prematako orienten" kaj "Germanujo super ĉiuj") ne estis nur Vilhelmaj fanfaronaĵoj, sed estis kredo de la nacio. Ŝovinisme edukita en lernejoj de prusa junkreco: tiu kredo estis religio de germana popolo de lasta kvindekjaro. Forgesitaj estis idealoj de Goethe kaj Schiller kaj lando de poetoj kaj famegaj filozofoj, lando de scienculoj fariĝis ujo de ŝovinismo, sed justa Nemezido jam faris sian juĝon, ni kredu, por bono de simpatia kapabla energia laborema germana popolo. Mi forgesis citi la germanajn kruelecojn en afrikaj kolonioj...... Pri francujo—la plej burĝa en la mondo respubliko, pliburĝa ol burĝo mem: lando de rentuloj; kie estas noblaj idealoj de granda revolucio franca? La rilato al venkita germanujo, la konkurado kun anglujo, rilato al rusa armeo, batalinta sur francaj batalkampoj kaj poste senrajtigita kiel sklavoj; konduto sur Vaŝingtona konferenco, ĝia

militemo—ne, ĝi ankoraŭ staras inter unua kaj dua ŝtupoj. Anglujo—profunda demokratismo de tiu lando estas mondkonata, sed Irlanda kaj Hinduja demandoj forte makulas blankan standardon de demokratismo; ĉiama timo de granda rusujo kaj penado ĝin malfortigi sufiĉe nebone karakterizas tiun landon, sed ĝi firme jam staras sur dua ŝtupo. Kiam ĝi perdos siajn koloniojn (kaj ĝi devas nepre ilin perdi) kaj fariĝos nur insula regno, tiam ĝi pli facile malfermos siajn ĉirkaŭprenojn al ideo de universala unuiĝo de nacioj, gentoj, landoj kaj ĝenerale homoj. Kaj, fine, japanujo? Ĝi sendube estas unu el la plej ŝovinismaj landoj en la mondo. Ĝia izolita insula senkolonia situacio, dank'al kio ĝi neniam suferis ies invadon, tamen mem pirate ofte invadinta koreon kaj ĥinujon, ĝia militema feŭdalsistemo kaj historia tradicia senŝanĝa tronheredado (preskaŭ ne absolute senŝanĝa, ĉar interrompaĵoj okazis almenaŭ dufoje), legendo pri deveno de Sundiino certe formis specialan spiriton de japana nacio, nacia kvazaŭreligio de Sinto kun ĝia diadorado de antaŭuloj, kredo je sia nevenkebleco formis fierecon, grandegan nacian egoismon (ne personan, ĉar personeco tute dronas en nacieco kaj individuo estas nulo, kiu akiras realan signifon nur tiam, kiam ĝi staras dekstre post la unuopost imperiestro kaj nacio) penson, ke japana popolo estas elektita de ĉielo popolo, ke orienta kulturo estas pli alta ol la okcidenta; venko super ĥinujo, koreo kaj kolosa rusujo (venkita estis ne rusa popolo, sed putrinta rusuja monarkio kun generalaro kaj reganta friponaro) kapturnigis junan gastinon ĉe tablego de potencaj regnoj, sukcesa kaj mirinda asimiligo de eŭropa teknika progreso sugestiis, ke ĝi estas genie kapabla, kaj tiamaniere, nature, ke ŝovinismo enradikiĝis ankoraŭ pli profunde.

(Daŭrigota)

Siberia Pastro Inocento Seriŝev.

## LITERATURO

# LA SONGO de JUNA JAPANO.

De S. Muŝako'i.

**Akto Unua.**

Ĉe kamparo.

**Junulo.**—Kio okazos tie ĉi?

**Nekonatulo.**—Paca konferenco!

**Junulo.**—Por kio?

**Nekonatulo.**—Ĉion vi komprenos poste.

**Junulo.**—Al kio ĝi servos?

**Nekonatulo.**—Kiel vi pensas pri ĝi?

**Junulo.**—Ĉar ne multe ekzistas tiuj, kiuj tute kore amas pacon, oni prezentas, ĝenerale, tian ludadon nur en politika senco. Pensante, ke, se ĉiuj popoloj reale eka-bomenus militon, tio estas danĝerega por patrujo, oni tamen akcentadas ŝajne pacifismon. En nuna tempo neniu ajn ŝtato povas esti aŭtoritata antaŭ la aliaj, se ĝi ne akcentas pacifismon per maldekstra mano, pligrandigante armadon sekrete per dekstra mano. Tio estus neevitebla. Ĉar, se oni estus senzorgema pri sia patrujo, tiam de malamikoj oni devus esti aŭ atakita aŭ mortigita aŭ in-vadita, civilizacio de sia lando devus esti detruita, libreco de pensado enkantenigita kaj poste oni devus esti devigita, ke oni nas'ku idojn kiel eble plej ma'saĝajn.

**Nekonatulo.**—Do vi ŝatas militon?

**Junulo.**—Ne, tute ne. Mi multe abomenas militon. Mia koro estas tiom delikata, ke miaj okuloj larmiĝas eĉ kiam mi pripensas pri la milito. Sed mi tute ne volas, ke nia patrujo estu invadita de fremduloj.

**Nekonatulo.**—Kial ekzistas la milito en la mondo?

**Junulo.**—Pro ke ŝtatoj multe ekzistas, mi pensas.

**Nekonatulo.**—Do vi opinias, ke, se ŝtatoj malstariĝos, tiam la milito ne plu povos ekzisti?

**Junulo.**—Jes, ticl mi pensas.

**Nekonatulo.**—Ĉu vi do ne volas mastarigi la ŝtatojn?

**Junulo.**—Neklare mi pripensas pri tio. Sed la homaro, mi opinias, ankoraŭ ne estas progresinta realigi nian idealon.

**Nekonatulo.**—Ĉu vi ne volas penadi por ke vi atingu tiun idealon?

**Junulo.**—Ne. Ĉar ankoraŭ forto mankas al mi.

**Nekonatulo.**—Kaj tial ke ankoraŭ ne venas tempo?

**Junulo.**—Jes.

**Nekonatulo.**—Vi ludas belajn vortojn kiel ĉiame. Vi ja apartenas al tia homo, kia estas testudo, kiu metas siajn kapon kaj piedojn en la kirason tuj, kiam ĝi estas timigita. (Daŭrigota)

Trad. K. Verda.

# LA VIRO kaj VIRINO.

(Victor Hugo)

La viro estas la plej perfekta kreaĵo; la virino la plej bela idealo.

Dio faris por la viro tronon; por la virino altaron. La trono laŭdegas; la altaro sanktigas.

La viro estas la cerbo; la virino la koro. La cerbo kreas la lumon; la koro la amon. La lumo heligas; la amo revivigas.

La viro estas la genio; la virino la anĝelo. La genio estas nemezurebla; la anĝelo nedifinebla.

La celo de l'viro estas la superega gloro; tiu de l'

virino la ekstrema virto. La gloro kreas la grandecon; la virto la diecon.

La viro havas la superecon; la virino la pliamon. La supereco reprezentas la forton; la pliamo la rajton.

La viro estas forta per la saĝo; la virino nevenkebla per la larmoj. La saĝo konvinkigas; la larmoj emociigas.

La viro estas kapabla fari ĉiun heroecon; la virino suferi ĉiun martirecon. La heroeco famigas; la martireco sublimas.

La viro estas la leĝaro; la virino la evangelio. La leĝaro korektigas; la evangelio perfektigas.

La viro estas la templo; la virino la sankta ŝrango. Antaŭ la templo oni kurbiĝas; antaŭ la sankta ŝrango oni surgenuiĝas.

La viro pensas; la virino songas. Kiu pensas, havas cerbon; kiu songas, aŭreolon sur la frunto.

La viro estas la oceano; la virino la lago. La oceano enhavas perlojn, kiuj ĝin beligas; la lago poezion, kiu ĝin blindigas.

La viro estas la aglo, kiu flugas; la virino la najtingalo, kiu kantas. Kiu flugas, regas la spacon; kiu kantas algajnas la animon.

La viro havas lunturon, tio estas, la konsciencon; la virino stelon, tio estas, la esperon. La lunturo gvidas; la espero savas.

Fine la viro estas tie, kie finiĝas la tero; la virino tie, kie komenciĝas la ĉielo.

El portugala lingvo tradukis

Francisco Falcao

Brazilujo—Ceara—Fortaleza.

## Koresponda Fako.

Unu linio: **40** senoj aû 4 respondkuponoj. Rabato da 10% por 3 enpresoj kaj 25% por 12 enpresoj.
Malongigoj: L=letero, P=poŝtkarto, PI=ilustrita poŝtkarto, M=poŝtmarko, S=sigelmarko, G=gazeto, E=esperantaĵo.

---

Sro. H. Tanaka, 15 Kyuzaemoncho, Minamiku, Osaka, Japanio, PI.
Sro. T. Amano, 27 Minamiwataya, Minamiku, Osaka, Japanio, PI.
Sro. Tsunetaro Fujima, 7, Soyemoncho, Minamiku, Osaka, Japanujo, PI.
Sro. Ichiro Aoki, ce Sozan-ryo, Kadotayashiki 110, Okayama, Japanujo, PI.
Sino Helena Teodor Minedean, Poŝtoficejo, Cluj, Rumanio, PI., M.
Sro. T. Morarin, Calea Traian 40, Cluj, Rumanio, PI. Pri ĉiu temo.
Fino. M. Koboŝ, Str. Londrei 22, Cluj, Rumanio, PI.
Fino. Lozinczy Klara, l. Posta, Cluj, Rumanio, PI. kun figuraĵoj de etnologio.
Sro. Aapo Tarnanen, Alkutie 60, Oulunkyla, Finnlando, pri filozofio, edukado aŭ orientaj mondkomprenoj kun hindoj, japanoj kaj ĉinoj.
Sro. Rutog Kominek, Bubenec 113, Praha, Ĉeĥoslovakio, PI. kun japanoj, ĉinoj, hindoj kaj insuloj.
Sro. O. Grimm, Esslingerstrasse 39, Stuttgart-Unterturkheim, Germanio, PI.
Sro. Bohumil Barchanek, Mosasna ulice cislo 4, Karlov, Plzen, Ĉeĥoslovakio.
Sro. Mocsi Karoly, Gimn.-Studento, Aiud, Rumanio, nepre sendos hungarajn, rumanajn aû aûstriajn p. markojn kontraû aziaj p. markoj.
Sro. Nikorao Jvanov, 110 Puŝkinskaja, Barnaul, Siberio, PI., L.E.
Sro. Jul. Boĉoun, Branna u Jilemnice, Ĉeĥoslovakio, interŝanĝas M. Sendu rekom. almenaû 50 M. de via lando kaj vi ricevos saman kvanton da ĉeĥosl-ovakiaj.
Sro. Lazaro Abramoviĉ, Ĥarjkovskaja 65, Baĥmut, Ruslando, PI., L.,M.
Sro. S. Golubcov, Societo "Espero", Vladivostock, Siberio, interŝanĝas naciajn proverbojn kun ĉiuj landoj.

大正十一年六月廿五日印刷
大正十一年六月三十日發行

大阪府泉北郡濱寺町字船尾七七九
編輯兼發行人印刷人 福田國太郎
大阪市西區京町堀通一丁目
印刷所 工業之日本社印刷所

振替貯金口座大阪五五六二九番
發行所 ウエルダ・ウトピーオ社
大阪市南區上本町七丁目五二六五